# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VIII N.° 4 (88) ABRIL, 1956

## UN PASO MAS

Un acontecimiento que puede ser decisivo para el idioma internacional, está próximo a producirse en Europa. El 25 de Enero, la Comisión para los asuntos Culturales y Científicos del Consejo de Europa aprobó por unanimidad la propuesta de catorce representantes en el citado Consejo, según la cual se recomendaba al Comité de los Ministros la enseñanza experimental del Esperanto en cinco escuelas de Gran Bretaña, Francia, Alemania, Italia y Holanda. De acuerdo con la citada propuesta, debería enseñarse el idioma internacional a alumnos comprendidos en las edades de 11 a 14 años de las indicadas cinco escuelas. Pasado un año de estudios, los alumnos, según la resolución aprobada, deberían reunirse en Estrasburgo, bajo los auspicios del Consejo de Europa, para que la Comisión de Cultura pudiera redactar un informe sobre los resultados conseguidos. Ello, a su vez, posibilitaría a los órganos del Consejo de Europa el tomar más amplias decisiones con respecto a la enseñanza del Esperanto en los estados miembros de dicha organización. La resolución pone de relieve que las dificultades idiomáticas representan un obstáculo para la comprensión recíproca entre los pueblos de Europa y para la evolución de la solidaridad europea.

Conviene aclarar que ahora la Asamblea entera del Consejo de Europa tendrá que tratar de la decisión de la Comisión de Cultura. Si dicha Asamblea acepta la recomendación, entonces ésta tendrá que ser sometida al Comité de los Ministros. Solamente después de su aprobación por este Comité, la proposición podrá realmente llevarse a efecto.

Como se vé, el camino en estos asuntos es algo largo. La Asociación Universal de Esperanto sigue de cerca su evolución y ofrece su ayuda en cualquier ocasión en que ella es necesaria. Por ejemplo: todos los miembros de la

# 17-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Barcelono, 24 - 29 de Julio, 1956**

**Adreso de la Organiza Komitato: Str. Teruel 26 - 28, Barcelona (8)**

A tres meses vista de la celebración de la magna asamblea esperantista, que de año en año aumenta en esplendor, se van perfilando los detalles del programa. Entre ellos, cabe destacar el emplazamiento de las Exposiciones de Esperanto en el histórico recinto de la antigua Capilla del Hospital de la Santa Cruz, que ha sido amablemente cedida por el Excmo. Ayuntamiento de Barcelona a este Comité Organizador para todos los días del Congreso, marco incomparable a cuya belleza hay que añadir su situación dentro de una zona de notable actividad turística, que sin duda dará lugar a que sean visitadas nuestras exposiciones por un buen número de extranjeros, con la consiguiente propaganda para nuestra querida lengua.

Por lo que se refiere a las sesiones de trabajo son varios los locales en estudio. En el próximo número de BOLETIN esperamos poder anunciar definitivamente el lugar en que se desarrollarán nuestras tareas.

Ya están a la venta unas hojas de cuatro viñetas (las cuatro distintas), a varios colores y de muy bello aspecto, una de ellas referente al Congreso en general, dos a la excursión a Montserrat y la cuarta a la Exposición Filatética. El precio de cada hoja es de 1'25 pesetas, que resulta modesto para la calidad del trabajo. Dentro de unos días aparecerán otras hojas más económicas referentes únicamente al Congreso.

En los días de la celebración del Congreso, el eminente hombre de ciencia y catedrático de la Universidad de Barcelona Dr. D. Pedro Font y Puig, dará en el Aula Magna de dicha institución una conferencia de carácter informativo y de propaganda, dirigida al público *no esperantista,* prensa, radio, etcétera.

Dirigido a este mismo público se ha creado un «Boletín de Adhesión de Congresista Colaborador Honorario» con cuota de 25 pesetas, que ha sido enviado de momento a todas las Cámaras de Comercio, Industria y Navegación, de las cuales, varias ya se han adherido.

En el momento de redactar la presente nota se han inscrito 125 «samideanos», lo cual en estas fechas es una cifra bastante satisfactoria, por lo que volviendo a los puntos expuestos en nuestra Carta Abierta del mes de febrero y nuestra nota de marzo referente a alojamientos, confiamos que en el mayor número posible imitaréis a esos 125 «pioniroj» con vuestra pronta inscripción. Así lo espera...

*EL COMITE ORGANIZADOR.*

---

La Sección Filatélica de la Federación Española de Esperanto ha editado unas viñetas para propaganda de su Exposición Japonesa en el 17-o Congreso Español de Esperanto. Dichas viñetas, presentadas en hojas de cuatro ejemplares, están a la venta al precio de 1'25 pesetas cada hoja, en la dirección de la Comisión Organizadora del Congreso y en la Sección Filatélica, Apartado 875, Barcelona.

*SECCION FILATELICA DE LA F. E. E.*

---

Comisión de Cultura recibieron a su debido tiempo un documento editado por el Centro de Exploración y Documentación (sección de la Asociación Universal de Esperanto), sobre el estado actual del Esperanto en el mundo. Con ocasión de la próxima Sesión de la Asamblea, en Estrasburgo, en la Casa de Europa se celebrará una gran Exposición de Esperanto, como aquella que despertó tanto interés en Montevideo.

Estemos atentos y esperanzados en las próximas jornadas, que pueden significar un paso más hacia el reconocimiento de la utilidad y la necesidad del idioma internacional en el mundo.

**«Esperanto», órgano de la Asociación Universal de Esperanto.**

# FERNANDO SOLER VALLS



Jam ne plu batas la nobla koro de S-ro Fernando Soler Valls, instruinto de instruantoj, pace ripozanta nun sub tero, ekde la 24ª de pasinta Marto. Kviete estingiĝis la vivo en lia maljuna korpo de sincera idealisto, fervora samideano kaj kompetenta pedagogo, aŭtoro de la populara lernolibro «El Esperanto al alcance de todos», kiu, pravigante sian titolon, ebenigis la vojon por taŭga esperantisteco al pluraj generacioj da hispanaj kaj iberamerikaj verdstelanoj.

Mi mem estas unu el ili. La unuajn lecionojn pri Esperanta gramatiko mi lernis en tiu libro, kiun saĝe li verkis kaj pretigis ne ja por superaj kleruloj, sed por tiuj sciemaj homoj, kies meza intelekto estas ilia sola rimedo por atingi, pere de Esperanto, la efektiviĝon de natura deziro: penetri en la fluojn de la internacia mondo! Alta honoro estas por mi, ke ne nur mi legis liajn skribitajn difinojn, sed ilin rekte mi aŭskultis de lia buŝo, kiel lernanto --jam antaŭ multe da tempo-- en unu el la sennombraj kursoj, kiujn diligente li gvidis, dum jaroj post jaroj, kun akurata zorgo, ekstrema klareco, daŭra pacienco kaj hejmeca simpatio.

Modelo li estis el ĉiuj vidpunktoj, ĉiam afabla kaj ĝentila. Siajn personajn konvinkojn li gardis silente, kun eleganta spirita sinteno, kvankam ankaŭ tre digne li sciis ilin defendi, ofte per silentaj faktoj, sur la firma roko de sia honesteco socia, profesia kaj privata. Sperta telegrafisto, li sukcesis rangi per propraj meritoj en la plej altaj postenoj de sia fako: ĝenerala Inspektoro por Telekomunikado kaj Direktoro de la Centra Telegrafejo en Madrido, kie li gajnis prestiĝon, estimon kaj respekton.

Pensiulo jam de multe da jaroj pro longa aĝo, kiu kadukigis liajn fizikajn fortojn, sed neniel la freŝecon de lia pura animo, li dediĉis ankoraŭ sian tempon por poluri kaj reeldoni sian bonan lernolibron, kiel lasta kontribuo lia por la plivigligo de la hispana esperantismo. En gravaj kunvenoj de la Valencia rondo, lia serena figuro estis simbolo por ĉiuj. Tamen... en niaj vicoj li ne okupos jam materian lokon.

En ĉi tiu momento de funebro kaj doloro, kiun sincere mi oferas al lia familio, je nomo de ĉiuj, kies mentoro li estis, decas mediteme klini la kapon, en pia omaĝo al lia kara memoro, kiun ni devas daŭre honori, sekvante ĉiam la helan ekzemplon de lia tuta vivo.

LUIS HERNANDEZ

## Internaciaj Feriaj Kursoj en Helsingor, Danlando

28 Julio ĝis 4 Aŭgusto 1956.

---

Bonega okazo por praktiki Esperanton tuj antaŭ la Universala Kongreso en Kopenhago. La kursoj okazas en la *Internacia Altlernejo*, kiun ĉirkaŭas granda parko, kie oni povas fari belajn promenojn. Loĝado kaj manĝoj en la altlernejo. Petu informojn, antaŭ la 1.ª Junio, al

S-RO L. FRIIS, INGEMANNSVEJ 9, AABYHOJ, DANLANDO

# LAŬRON PLEJ ALTAN AL «KONTRALTE»

La hodiaŭan komenton mi volas dediĉi al la poezio en Esperanto. Instigis min al tiu decido la apero de la plej nova volumo el la eldonejo *Stafeto* de J. Régulo Pérez en La Laguna, sur la Kanariaj Insuloj. Estas ampleksa libro plena de poemoj verkitaj de Marjorie Boulton, la plej nova poetino en Esperantujo. Ŝi ne estas la unua, mi memorigas pri la estona poetino Hilda Drezen, pri kiu mi ĵus legis, ke malgraŭ pli fruaj malbonaj novaĵoj, ŝi estas ankoraŭ vivanta, kaj mi memorigas pri la svedino Magda Carlsson, kies antologio de Svedaj Poemoj, aperinta antaŭ nelonge, prave rikoltis la plej altajn laŭdojn.

Se ni tamen jam nun donas la laŭron inter la esperantaj poetinoj al Marjorie Boulton, ni faras tion, ĉar ŝiaj poemoj estas originalaj kaj ilia rango estas vere plej alta. Oni preskaŭ ne povas kredi, ke Marjorie Boulton, anglino, eklernis Esperanton nur en 1949, ĉar ŝi nun ne nur majstras la lingvon komplete, sed ankaŭ verkas en ĝi, same bone —mi supozas eĉ pli bone— ol en sia gepatra lingvo. La tridekunujara verkistino publikigis jam plurajn librojn en angla lingvo, parte pri literaturaj eseoj, parte anglaj verstradukoj de alilandaj poetoj. Ŝi estas tre klera persono kaj oficas kiel profesorino en seminario por instruistinoj. Esperanto tamen ŝajnas esti por ŝi la plej taŭga ilo por esprimi ŝiajn plej personajn sentojn. Estas nur tri jaroj post la apero de ŝia unua poemo en Esperanto, kaj jam ŝi akiris rimarkindan perfektecon; certe ŝia evoluo ankoraŭ ne estas finita kaj ni do povas esperi ankoraŭ plian progreson kaj la aperon de ankoraŭ novaj sonoj el ŝia liro.

Admirinda estas ŝia majstreco de la esperanta versfarado, okulfrape fluas ŝia lingvo sen artifikaĵoj en facile komprenebla maniero; sed certe la formo sola ne incitus nin al laŭdo, se ne la enhavo perfekte korespondus al la glateco de la lingvo kaj rimo. La poemaro, kiu havas la titolon *Kontralte,* estas vera esprimilo de virina vidmaniero; koro kaj intelekto de virino parolas el ĝi kaj prezentas agordojn, kiuj estus neaŭdeblaj el la buŝo de viro. Kontralto estas la plej malalta virina voĉo, do oni povus diri la kontraŭo de soprano, kaj vere tiu vorto plej bone taŭgas por ilustri la sonon aŭ la atmosferon, kiu iras tra la poemoj. Ne estas alta jubilanta voĉo, sed melankolio kaj ĉagreno parolas el la poemoj heligitaj per klara intelekto, de kapo kiu majstras la koron kaj tiom sublimigas la dolorojn, ke la poetino povas eldiri ilin en perfekte ĉizelitaj versoj. Ni aŭdas jam la plenvoĉan kontralton en la unua el la sep kolektoj, kiujn ampleksas la tuta volumo, kiu havas titolon *Trista tenereco,* en vulgara lingvo Malgaja karesemo; tio estas sonetoj en kiuj la poetino priskribas la sentojn kiujn ŝi havas kontraŭ siaj junaj lernantinoj, kies ĉagrenojn ŝi kompatas kaj kies ĝojoj kaŭzas al ŝi certan mornecon. Pli malalta kaj pli sonora fariĝas ŝia voĉo en la du sekvantaj kolektoj, *Unu virina koro* kaj *La ora branĉo,* plenigitaj de la amareco pro malfeliĉa amo kaj neplenumita sensualismo. Tiuj poemoj estas ekstreme fortaj kaj impresaj, lirisma arto sur la kulminacio.

Post tio, la kolektoj *Bestoj kaj Sezonoj* kaj *Fenestro al la Mondo* kaj *Personoj* efikas pli pale, kvankam, konsiderataj por si mem, multaj el tiuj poemoj ankaŭ estas tre kaptaj. Kun plezuro oni legas kiel deserton la rimportretojn en Kalocsaya maniero pri diversaj verdstelanoj, genro de poemoj kiu meritas esti kulturata kaj kiu en ĉi tiu kazo montras la ampleksecon, la grandajn amplitudojn de la talento de Marjorie Boulton.

*D-ro Arthur Baur.*

---

## En la Omaĝo al la fervora esperantista poeto, Francesc Vilá, kaj al la de li prezidataj gesamideanoj de Grupo de Esperanto, AŬRORO.

Ne laboron de formikoj
faras karaj, vi, amikoj,
sub senlaca la kantado
de Francesc Vilá, cikado
malavara, sindonema,
sen makulo de ŝparema.

Kun AŬRORO venas Homo
elokventa «Krisostomo».
Kun AŬRORO venas suno!
Tra printempo kaj aŭtuno,
kaj tra vintro kaj somero,
sekvu'Lin, Li estas Vero!

Sekvu Lin, fervore, blinde,
kun dankemo, kore, inde!
De l'Espero en la Templo
estu Li por vi ekzemplo!

*Frederic Pujulá.*

---

## Al la Hispanaj Geinstruistoj

Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj komisiis min havigi informojn pri la ekzisto de hispanaj esperantistaj geinstruistoj. Tiu komisio alte honorigas min, kaj malgraŭ tio ke multa laboro pezas sur min, mi konsentis, kun la celo helpi laŭeble nian noblan aferon. Tial, mi turnas min al vi, hispanaj geinstruistoj, kun peto sendi al mi viajn nomojn kaj adresojn. Tio ĉi devigos vin pri nenia elspezo, krom la afranko de via letero, kompreneble, kaj pri nenia devo. Nur estas necese scii, kiu kaj kie ni estas.

Estas konvene, ke vi sciigu al mi, ĉu vi jam instruas Esperanton, kaj ĉu tio okazas ĉe via lernejo dum ekstraj horoj. Ankaŭ utilos sciigi, ĉu vi estas HEF-ano, UEA-ano, k. c. kaj ĉu ŝtata aŭ privata instruisto, aŭ simple amatoro. Kaj se via afableco aldonas naskiĝdaton kaj naskiĝlokon, des pli bone. Ne forgesu, ke «Unuiĝo estas forto».

Mi esperas, ke baldaŭ amaso da leteroj alvenos al mia adreso: Plaza General Sanjurjo 7, Tarragona, kie mi elkore restas je via dispono,

*Evelio Calvet.*

---

## PRI LA VIVANTAJ LINGVOJ

Neniu, en vivanta literaturo, estas kompetenta juĝanto escepte pri la verkoj skribitaj en lia lingvo. Vane oni kredas profunde posedi fremdan idiomon, mankas la lakto de la nutristino kaj ankaŭ la unuaj vortoj, kiujn ŝi instruis al li sur sia mamo kaj en liaj vintoj; iaj sonoj apartenas nur al la patrujo. La angloj kaj germanoj havas pri niaj verkistoj la plej barokajn nociojn: ili adoras tion, kion ni malestimas, ili malestimas tion, kion ni adoras; ili komprenas nek Racine, nek La Fontaine, nek eĉ Molière. Oni ridas sciante kiaj estas niaj grandaj verkistoj en London, Wien, Berlin, Peterburg, München, Leipzig, Gottingen, Köln, sciante tion, kion oni legas tie entuziasme kaj tion, kion oni ne legas.

Kiam la merito de iu aŭtoro konsistas speciale en la dirmaniero, fremdulo neniam komprenos bone tiun meriton. Ju pli intima, individua, nacia estas la talento, despli ĝiaj misteroj eskapas al la spirito, kiu ne estas kvazaŭ samlandano de tiu talento. Ni admiras per fido la Grekojn kaj la Romanojn; nia admiro venas al ni per tradicio, kaj la Grekoj kaj la Romanoj ne estas ĉi tie por moki pri niaj barbaraj juĝoj. Kiu inter ni havas nocion pri la harmonio de la prozo de Demosteno kaj de Cicero, pri la ritmo de la versoj de Alkaios kaj de Horatius, tiaj kiaj ili estis perceptataj de greka aŭ latina orelo? Oni asertas, ke la realaj belaĵoj apartenas al ĉiuj epokoj, al ĉiuj landoj: jes, la belaĵoj de sento kaj penso, ne la belaĵoj de stilo. La stilo ne estas kosmopolita kiel la penso, ĝi havas naskiĝlandon, proprajn ĉielon kaj sunon!

El «Mémoires d' outre-tombe», de Chateaubriand.

Tradukis: *J. Juan Forné.*

---

# D I V E R S A Ĵ O J

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 31-a de Majo.***

Sendis solvojn de la enigmoj 33 kaj 34, samideanoj J. Armadans, A. Núñez, A. Candela, A. Escamilla, Baska Esperanto-Rondo, J. Silva, E. Padrao kaj P. Naranjo. Nur de la enigmo 33, samideanoj R. Manau, M. Fernández, J. M. Fontcuberta, A. González Meana, R. Ayala, S. Roca Rodó kaj V. Hernández. Atingis 10 poentojn samideano J. Silva, kaj ni sendas al li la premion.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 33

*Horizontale:* 2 Flari, 3 Mia. Zon. 4 Kakao. 5 olaiK. Klara. 6 Gruntas. 7 Taŭr. Tial. 8 Akurata. 9 Enfal. Lakso. 10 Silab. 11 Kok. Lad. 12 Onklo.

*Vertikale:* 2 Okaze. 3 Mil. Nek. 4 Agraf. 5 Fakir. Kasko. 6 Akumuli. 7 Park. Leki. 8 Aktuala. 9 Izola. Tablo. 10 Astak. 11 Nur. Sed. 12 Abato.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 34

En la jaro 1947[a]

ENIGMO N.° 36

Krucvorta enigmo, de J. Devís.

Malsupra figuro.




*Horizontale:* 2 (Rad) Eksplodigilo. 3 Vivanta estaĵo. (Rad) Speco de hakilo uzata de barelistoj. 4 (Rad) La likva parto de la sango. 5 Rilata al gravurita desegno, kies entajlojn oni plenigas per nigra emajlo. Malbela. 6 Rostita peco el ripviando de ŝafo. 7 (Rad) Dekreto de rusa caro. Infaneto. 8 Tomba surskribo. 9 (Rad) Eta blanka kvarpiedulo. (Rad) Impresebla membrano de la okulo. 10 (Rad) Krakbruego akompananta fulmon. 11 Malestiminda. (Rad) Tralasi likvaĵon. 12 Korpe batali kontraŭ iu.

*Vertikale:* 2 (Rad) La centra parto de protoplasmo. 3 (Rad) Unuiĝo. (Rad) Flavruĝa. 4 (Rad) Haŭta malsano. 5 Alta arbo el fam. Salikacoj. (Rad) Florfolio de korolo. 6 Publika necesejo. 7 Malalta. (Rad) Akva feo en la germana mitologio. 8 (Rad) Ŝipa kelnero. 9 (Rad) Speco de grandega elefanto. Volvi velon k alligi ĝin sur jardon. 10 (Rad) Homaspekta aŭtomato. 11 (Rad) Fulmofermilo. (Rad) Kolorilo por desegni. 12 (Rad) Homo kies haroj estas blanke senkoloraj.

ENIGMO N.° 37

Ŝak-enigmo, de A. Candela

Movu ŝak-ĉevalon, tiel ke ĝi, salto post salto, okupu la 64 kvadratojn de ŝak-tabulo, ne estante du fojojn sur la sama kvadrato. Desegnu ŝak-tabulon kaj numeru la kvadratojn laŭ la ordo de la saltoj.

---

## SENUTILA PROGRESO

Juna astronomo klarigis al amiko: «Scienco faras mirindaĵojn en la mondo. En monto de Kalifornio ni havas teleskopon, tiel potencan, ke ni povas rigardi je seskilometra distanco kaj vidi la okulharojn de bela junulino».

Respondis la amiko: «Tio estas tre bone; sed, por kio oni deziras vidi belan junulinon je tiu distanco?».

# ☆ LA LERNEJO

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Korektajn tradukojn de la tasko de Februaro ni ricevis el jenaj samideanoj: M. Vallés, J. Armadans, J. Blasco, A. Núñez, A. Escamilla, E. E. Yelland, V. Hernández, J. Saladrigas, S. Roca Rodó, E. Pons, M. Buscató, A. González, A. Martínez, M. Fernández, R. Ayala, R. Manau kaj V. Monsalve.

*Jen unu el la ricevitaj tradukoj:*

Estis ĉirkaŭ la deka horo matene de unu tago de oktobro. En la korto de la Lernejo pri Arkitekturo, grupoj da studentoj atendis, ke la klaso malfermiĝu. El la pordo de la strato de la Studoj, kiu kondukis al tiu korto, estis enirantaj junuloj, kiuj sin renkontante, sin intersalutis, ridis kaj parolis. Pro unu el tiuj anomalioj klasikaj de Hispanujo, tiuj studentoj kiuj atendis en la korto de la Lernejo pri Arkitekturo ne estis arkitektoj de la estonto, sed estontaj kuracistoj kaj apotekistoj. La klaso pri Ĝenerala Kemio de la prepara kurso de Medicino kaj Farmacio okazis en tiu tempo en malnova kapelo de la Liceo de Sankta Isidro, aligita en lernoĉambron, kaj ĉi tiu havis la enirejon tra la Lernejo pri Arkitekturo.

*Nova tasko.* ***Alia peco de la sama*** *romano:*

**En esta época era todavía Madrid una de las pocas ciudades que conservaban el espíritu romántico. Todos los pueblos tienen, sin duda, una serie de fórmulas prácticas para la vida, consecuencia de la raza, de la historia, del ambiente físico y moral. Tales fórmulas, tal especial manera de ver, constituye un pragmatismo útil, simplificador, sintetizador. El pragmatismo nacional cumple su misión mientras deja paso libre a la realidad; pero si se cierra este paso, entonces la normalidad de un pueblo se altera, la atmósfera se enrarece, las ideas y los hechos toman perspectivas falsas. En un ambiente de ficciones, resíduo del pragmatismo viejo y sin renovación, vivía el Madrid de hace años. Otras ciudades españolas se habían dado alguna cuenta de la necesidad de transformarse y de cambiar; Madrid seguía inmóvil, sin curiosidad, sin deseo de cambio.**

# HISPANA KRONIKO

***SABADELL.*** En la Ekskursa Societo «Tierra y Mar» okazis kiel pasintjare prelegserio pri esperantaj temoj. La kataluna veterano F. Pujulá Vallés la 4/12/55 inaŭguris ĝin per sia bonhumora vervo kaj majstra bildigo de anekdotoj ĉerpitaj el sia iama tre vigla aktiveco, kaptante la atenton de la publiko, de la komenco ĝis la fino. La 15/1 Francisko Vilá prezentis detalan studon pri la esperanta poezio, kelkloke mem recitante aŭ kantante kun fakula lerto. La 26/2 Jesús Paluzie skizis la vivon de du paralelaj figuroj: Zamenhof kaj George, objektive komparante similajn trajtojn kaj klopodojn en ilia respektiva kampo, lingvistika kaj ekonomia. Fine la 25/3 profesoro Dalmau analizis kaj samtempe refutis per trafaj ekzemploj kelkajn misopiniojn pri Esperanto, kaj rimarkigis la favoran tendencon fare de Unesko al nia movado. Raportojn pri la prelegoj publikigis la urba ĵurnalo «Sabadell», kiu krome presigis artikolojn de Mariano Solá, el Tarrasa kaj Domingo Escapa, el Sabadell. (Ĉi lasta bedaŭrinde nun mortinta, laŭ informo en alia loko de nia bulteno). Dum la Kristnasktagoj okazis en «Tierra y Mar» la jam tradicia Esperanto-Ekspozicio, kiu estis multenombre vizitata. Krom la instituto «Hermanos Maristas», alia grava lernejo loka, «Colegio Mercantil», komencis esperantajn lecionojn. Ambaŭ kursojn gvidas la urba U. E. A.-Delegito.

**Bonvolu pagi vian H. E. F. - kotizon 1956**

Ni bedaŭras informi al niaj legantoj, ke nia kara samideano DOMINGO ESCAPA, de Sabadell, mortis la 18-an de Aprilo, post mallonga kaj kruela malsano, je la frua aĝo de 32 jaroj. Kiel lerta esperantisto li gvidis esperantajn kursojn kaj skribis propagandajn artikolojn en la gazeto «Diario de Sabadell». Al liaj familianoj ni tre sincere kondolencas. Li pace ripozu!

● S-ro Sacramento Collado Llana, str. Aurelio Delbrouck 4, 1.°, Sama de Langreo, Oviedo, Hispanujo, deziras havigi al si kontraŭ pago jenajn numerojn de BOLETIN: 13, 14, 17, 18, 19, 20, 21, 22 24 kaj 25.

● Deziras korespondi kun hispana universitata studentino, pri klasikaj bildoj de hispanaj pentristoj, 21-jara studento de Okajama medicina fakultato. Skribu al Jojohiko Manabe, 196 Oka-maĉi (ĉe S-ro Hirata), Okajama-urbo, Japanujo.

● Pluraj lernantoj de la Esperanto kurso elsendata de Radio Cullera deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun samideanoj en la tuta mondo. Skribu al Micrófono Esperantista de Radio Cullera, Dr. Alemany 4, Cullera, Valencia, Hispanujo.

● PAX CHRISTI, organo de la internacia katolika movado por la paco, publikigas artikolojn pri Esperanto. Interesuloj petu specimenan ekzempleron al: Pax Christi, Apartado 66, San Sebastián, Hispanujo.

● Dum venonta somero mi laboros en Cervera de Pisuerga, Palencia, Hispanujo, kaj volonte jam nun kontaktos kun gesamideanoj en tiu regiono. S-ro H. Mabesoone studento, Pythagorasstraat 122, Amsterdam-O, Nederlando.

● «Bulteno Gepatra», la interesplena bulteno de la esperantistaj gepatroj, ankaŭ interesa por ĉiu esperantisto. Kotizo libervola. Peranto por Hispanujo: S-ro Adonis González Meana, Ciaño Sta. Ana, Oviedo, Hispanujo.

BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Adreso de la Redakcio kaj Federacio
Str. Pelayo, 7, 1.ª
VALENCIA

Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 50 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA

# DONACOJ AL NIA BULTENO

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo. | 1.128 | pesetoj |
| J. Guillomia, Barcelona | 10 | » |
| S. S., de X. | 11 | » |
| J. Perogordo, Madrid | 100 | » |
| E. Yuste, Visiedo | 23 | » |
| P. Naranjo, Jerez de la Frontera | 5 | » |
| R. de Luna, Barcelona | 15 | » |
| J. Molina, Alfara de Algimia | 5 | » |
| J. Bosch, Valencia | 25 | » |
| Entute, | 1.322 | pesetoj |

*Koran dankon al niaj subtenantoj!*



● Koresponda Servo. Kiu deziras korespondi kun la tuta mondo, skribu al S-ro Adonis González Meana, Ciaño Santa Ana, Oviedo, Hispanujo, indikante aĝon, profesion, emojn, dezirojn. Bonvolu aldoni 3 pesetojn aŭ egalvalorajn poŝtmarkojn.

PERIS-G. VÍA M. TURIA, 28-VALENCIA